# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

24a jaro Januaro/Februaro 1972 N-ro 1

Kliŝo: SBB

*Lasta vaporlokomotiv-tipo de la Svisaj Federaciaj Fervojoj, konstruitaj por la Gothard-linio en la jaroj 1913—1917.*




# 24-a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

de la 6-a ĝis la 12-a de majo 1972
LUGANO (Svisio)

Konstanta adreso: 24-a Esperanto-Kongreso IFEF
Kurt Greutert, Sekretario
CH-6512-Giubiasco (Svisio)

*Poŝtĉekkonto:* Banca Populare Svizzera Lugano, Konto-n-ro 69-5626 (dorse de la enpagilo: CC 305 460, 24-a Esperanto-Kongreso IFEF)

*Bankkonto:* Banca Populare Svizzera, CH-69-Lugano Svisio (Konto: CC 305 460, 24-a Esperanto-Kongreso IFEF).

*Statistiko.*

Aliĝis ĝis 10. 1. 1972 el Aŭstrio 14, Belgio 2, Britio 1, Bulgario 50, Ĉeĥoslovakio 2, Danio 1, Francio 7, Germanio 61, Hungario 3, Italio 10, Jugoslavio 4, Nederlando 5, Norvegio 1, Polio 1, Svedio 2, Svisio 28, entute 191 el 16 landoj.

*Glumarkoj.*

Glumarkojn por la 24-a IFEF-kongreso LKK ne eldonos. Estas konata, ke Svisio en la lasta momento transprenis la organizadon de la 24-a IFEF-kongreso. Tiu fakto malebligis eldoni tiajn markojn antaŭ la kongreso de Maribor, kio estus estinta la plej bona okazo por disvendi tian propagandilon kaj havigi al LKK eventualan laborkapitalon. Ĉar tio neeblis, LKK entute rezignis je glumarkoj, ŝparante al si temporabajn esplorojn kaj laboron.

*Honora Komitato.*

Akceptis la membrecon en la Honora Komitato ĝis 1.1.1972 jenaj personoj (vico laŭ alveno de akcepto): Prof. d-ro Ivo Lapenna, prezidanto de UEA kaj direktoro de CED, D-ro h.c. O. Wichser, prezidanto de la ĝenerala direkcio SBB, D-ro E. Moor, direktoro de personara

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

sekcio SBB, Inĝ. R. Zollikofer, direktoro de la dua distrikto SBB.

*Kongreskotizo.*

1.2.1972 plialtiĝos la kongresaj aliĝkotizoj. IFEF-ano tiam pagos sfr. 50,—, ne-IFEF-ano sfr. 65,—, familianoj, pensiuloj, gejunuloj ĝis 20-jaraj pagos la duonon. Personoj kiuj ne partoprenos la kongreson, sed deziras subteni la kongreson aŭ ricevi la kongresdokumentojn havas eblecon pagi «simbolan aliĝon» de sfr. 15.—.

*Akceptejo.*

En Lugano ĉiuj rapidtrajnoj alvenas sur trakoj 2 kaj 3, inter kiuj kuŝas la kajo 2. La akceptejo troviĝos sur tiu kajo 2, en la suda parto. Indikiloj montros al vi la ĝustan vojon. Tiu akceptejo estos malfermita vendrede ek de 16-a ĝis 23-a horo, sabate de 6-a ĝis 23-a horo.

Kongresejo estos «Padiglione Conza». En ĝi funkcios la kongresa oficejo ek de sabato 12-a ĝis 23-a horo. Dum la postaj tagoj laŭ indikoj en la kongresa libro aŭ apartaj informoj en la kongresejo.

*Ekskursoj.*

LKK petas ĉiujn personojn antaŭmendi la ekskursojn. Pro organizaj kialoj mendoj dum la kongreso mem povos esti konsiderataj nur ankoraŭ laŭ disponeblaj liberaj lokoj.

*Fakprelego.*

La fakprelego pritraktos la «Gothardfervojon». La teksto de tiu prelego estos preparita de estinta direkcia sekretario, s-ro Eggermann. La prelego estos ilustrota pere de kompletigaj koloraj filmoj.

*Aliĝiloj.*

Aliĝiloj ankoraŭ estas riceveblaj ĉe la LKK-sekretario aŭ ĉe la landaj respondeculoj. Ofte ni ricevas aliĝilojn ne komplete plenigitajn. Pri ĉiuj detaloj tamen ne eblas al ni korespondi. Bonvolu konsideri, ke per kompleta plenigo de via aliĝilo kaj ĉambromendilo vi faciligos al ni la pritrakton kaj vi garantios al vi pli bonan konsideron de ĉiuj viaj deziroj.

*Nova fervoja poŝtmarko.*

17.2.1972 aperos nova poŝtmarko je valoro de 20 centimoj «125 Jaroj Svisaj Fervojoj», 1847—1972. Tiu speciala poŝtmarko, kiu heroldu ĉiujn fervojajn jubileojn de nia jardeko, montras vojindikante al la estonto. Per la prezento de moderna prembutona regadejo kiel bildmotivo la kreinta grafikisto alludas al la kapturniĝa evoluo de niaj fervojoj, kiuj nenion lasas neprovita por ekzisti en la hodiaŭa transportkonkurenca lukto.

LKK-sekretario.

# Modernaj trakciiloj por la Gothardo

Post la dua mondmilito la vartrafiko kiel ankaŭ la rapidtrajndeĵoro ĉe la Gothardo neimageble ampleksiĝis kaj en 1949 sistemaj esploroj montris urĝan bezonon de novaj modernaj trakciiloj. Tial konstruiĝis la lokomotivo de tipo Ae 6/6 (deĵorpezo 120 t, unuhora povumo 5820 ĉp ĉe 74 km/h, maksimuma rapideco 110 km/h, trakciata pezo sur maksimumaj deklivoj 650 t kun 70—75 km/h). De tiu tipo SBB akiris inter 1952 kaj 1966 120 ekzemplerojn.

Kun tio lokomotivtipo oni faris bonajn spertojn kaj ĝi estis feliĉa elekto. Hodiaŭ, fakte, tiuj trakciiloj estas uzataj ne nur por la vartrafiko ĉe Gothardo, sed ankaŭ

ĉe Simplono, en la mezlandaj regionoj por tiel nomataj «programitaj vartrajnoj» kiuj transportas oleoproduktojn, ŝtongruzon aŭ sterkaĵojn. Tiuj trajnoj trafikas laŭ fiksitaj planoj kaj pli kaj pli atingas trakciatajn pezojn de 1200—1800 tunoj.

Malgraŭ ĉiuj bonaj spertoj daŭra konstruo de tiu tipo ne plu povas esti konsiderata. Ĉar la evoluo de montlokomotivo por universala uzo postulas pli longan tempospacon, oni decidis modifon de la jam ekzistanta tipo Re 4/4 II. Per ŝanĝo en la rilato de la transmisio oni kreis la novan tipon de Re 4/4 III, kiu uziĝas por rapidtrajndeĵoro ĉe la Gothardo.




*Re 4/4 III, plej moderna trakciilo de SBB.* Kliŝo: SBB

Le bezonota trakcio ĉe Gothardo por la estonto estas lokomotivo, kiu superas la trakciatan pezon de la Ae 6/6 kaj la avantaĝojn de la nova Re 4/4 III. De la nova ses-aksa universal-lokomotivo estas kvar prototipoj menditaj por 1972. Ili ricevos la signon Re 6/6. Ili estos ekipitaj per tri du-aksaj boĝioj, kiuj devus ebligi la plialtigitajn kurvorapidecojn. Por senriproĉa pezodivido sur la tri boĝioj estas ĉe du prototipoj la lokomotivkesto duparta. La du duonoj ligiĝas pere de artiko. La du aliaj prototipoj ricevas unupecan lokomotivkeston kun aer-risortita pendigo. Vastaj esploroj kaj ekzamenoj helpos trovi definitivan decidon pri taŭga solvo por estontaj serioj. La Re 6/6-lokomotivoj denove pruvos, ke ĉe la evoluo de trakciiloj neniam povas esti parolita pri fino.




*Re 6/6, trakciilo de la estonto. Protipo aperos 1972.* Kliŝo: SBB

La kongrespartoprenontoj de la 24-a IFEF-kongreso estas atentigataj ke la fakprelego pritraktos la «Gothardfervojon», ilustrita kaj kompletigita per kolorfilmoj. 1972 samtempe estos jubilea jaro «125 jaroj Svisaj Fervojoj».

kg

# 100 jaroj dentradfervojo Vitznaŭ-Rigi

La monto «Rigi», kiu situas en la centro de Svisio, inter Luzern kaj la alpoĉeno kaj ĉe kies piedo kuŝas la belega lago de la Kvarkantonoj, ĝuis famon jam en la 18-a jarcento. Tiu reputacio plialtiĝis komence de la 19-a jarcento kaj pli kaj pli disvastiĝis dank'al rakontoj aŭ vojaĝpriskriboj de famaj verkistoj kiel Goethe, Walter Scott, Maria von Weber, Alexandre Dumas, Victor Hugo, Mark Twain, Alphonse Daudet. Jam en la epoko antaŭ 1870 oni mencias 40'000 vizitantojn pojare al Rigi. Se al iu estis tro peniga la pieda supreniro ekzistis ebleco esti suprenportita sur seĝo al la monta pinto je prezo de fr. 8.50. Alia ebleco estis rajdado per ĉevalo aŭ mulo. Tio kostis fr. 16.—.

Inĝeniero Riggenbach, direktoro de la fervoja ĉefriparejo en Olten kaj konata kunlaboranto ĉe la konstruo de pli ol 150 lokomotivoj, admiranto de la beleco de la naturo de tiu regiono, jam frue okupiĝis pri transportproblemoj en la montaro. Lin kaptis ideo, kiun li sekvis kaj evoluis ĝis fina efektivigo. En 1869 Riggenbach ricevis de la kantono Luzern la konstrupermeson ekkonstrui la unuan dentradan fervojon en Eŭropo. En 1871 trafikis la unuaj regulaj trajnetoj, komence nur ĝis survoja stacio, ek de 1873 ĝis la pinto. Longeco de la trako: 6854 m, maksimuma deklivo 250 ‰, maksimuma rapideco de vaporlokomotivoj: 9 km/h (de nunaj elektraj trakciiloj: supren 18 km/h, malsupren 12 km/h).

La unuaj lokomotivoj havis strangan formon (vidu bildon) kaj la homoj nur nomis ilin «veturantaj distililoj». La lokomotivon numero 7 oni povas admiri en la Svisa Trafikmuzeo Luzern.




Kliŝo: SBB

*Lokomotivo de la dentradfervojo.*

La unua funkciadjaro plenumis ĉiujn esperojn. En 1871 la veturprezo estis fr. 7.50, frekventis la fervojeton 60'000 personoj. En 1971 la prezo estis fr. 11.80 kaj oni nombris 530'000 pasaĝerojn. Ankoraŭ hodiaŭ 95 % de la origina dentrelara materialo servas sekure. Dum lastjara septembro ĉiutage funkciis memoraj vojaĝoj per du malnovaj vaporaj lokomotivoj. kg

# Festotago en Erstfeld

Erstfeld estas en Svisio konata fervojista vilaĝo. La Gotharda fervojlinio traveturas tiun ĉe la norda piedo de la Gotharda montaro kuŝantan lokon, tie, kie komencas la krutaj deklivoj de la norda rampo. Formita de peza tagnokta deĵoro, de respekto rilate al la naturaj fortoj, ekzistas aparta fiera profesi-kategorio — la lokomotivistoj. Tiu

Daŭrigo p. 14.

# Kongresproponoj pritraktendaj dum la 24-a IFEF-kongreso

*Kongrespropono 1*

Kongrespropono de Itala Fervojista Esperanto-Asocio (komitatano Gimelli):

La IFEF-Estraro oferu oficiale propran servojn al ĉiuj fervojaj administracioj per kiaj ajn tradukado de bezonataj tekstoj de fervoja intereso.

La unuopaj landaj asocioj devus garantii sian interesiĝon per tuja kaj preciza tradukado de la raportoj aŭ tekstoj petataj.

La unuopaj fervojaj administracioj devos, siavice, garantii la donadon al la koncernaj landaj Esperanto-asocioj de raporto, nacilingve, rilatanta la temon petitan de alia fervoja administracio.

Ĉi tiu servo povos tuj ekfunkcii kie ekzistas landaj asocioj pretaj kunlabori, kaj fervojaj administracioj kiuj respondos favore kaj jese.

*Kongrespropono 2*

Nome de PFEF komitatano Nawrowski proponas: «Centra biblioteko de IFEF estu fondita en de IFEF proponita landa sekcio, kie estu kolektataj ĉiuj fakaj esperantaĵoj: libroj, lernolibroj, bultenoj, poŝtmarkoj, poŝtstampoj, poŝtkartoj, fotografaĵoj, afiŝoj, kongresinsignoj, ktp.»

*Komento:* Ekzistas jam malfacilaĵoj akiri kongreslibrojn de la jaroj 1964, 1966 kaj 1971, kiujn PFEF malgraŭ petskriboj kaj anoncoj ne ricevis por sia biblioteko. Kompleta kolekto estas urĝe necesa.

*Kongrespropono 3*

Nome de PFEF komitatano Nawrowski proponas: «La Historio de la Fervojista Esperanto-Movado 1908 — 1968» eldonita kaj presejo ne indikita estu okaze de iu venonta IFEF-jubileo post forigo de eraroj, revizio kaj kompletigo reeldonita.»

*Komento:* En la «Historio» kelkaj landaj sekcioj estas nur supraĵe pritraktitaj aŭ eĉ ne menciitaj. La reeldononto kolektu skrupule ĉiun necesan materialon.

*Kongrespropono 4*

Nome de PFEF komitatano Nawrowski proponas: «IFEF petu de multjaraj aktivuloj de ĉiuj landaj sekcioj priskribon de sukcesaj atingoj, eventoj, meritoj kaj servoj ĉu de la sekcio mem aŭ de ĝiaj membroj por la noveldonota «Historio».»

*Komento:* Estas propono helpi eldoni veran kaj objektivan historion aŭ distingi meritplenajn membrojn.

*Kongrespropono 5*

Nome de PFEF komitatano Nawrowski proponas: «IFEF fiksu la kotizon en internaciaj respondkuponoj aŭ en alia unusola valuto.»

*Komento:* Laŭ la Statuto la kotizo devas esti pagita en ned.gld. St.pĝ 10 kaj 12, laŭ UEA jarlibro 1971 pĝ 91 en sv.fr. aŭ en int.rpk. Tiu mona haoso devas fine esti ordigita.

*Kongrespropono 6*

Nome de PFEF komitatano Nawrowski proponas: «IFEF aperigu en la UEA jarlibro ĉiujare agadraporton.»

*Komento:* IFEF estas nun aliĝinta al UEA kaj profitu siajn rajtojn.

*Kongrespropono 7*

Nome de PFEF komitatano Nawrowski proponas: «IFEF presigu en la kongreslibroj ĉiujare la titolojn de la fakprelegoj same kiel la liston de la ĝisnunaj IFEF-kongresoj.»

*Komento:* Necesaĵo por orientiĝo de la membroj kaj interesiĝintoj.

*Kongrespropono 8*

Komitatano Greutert (Svisio) proponas: «Reelekti la ĝisnunajn estraranojn J. Giessner (prezidanto), E. Kruse (sekretariino) kaj P. J. Krogstie (redaktoro).

Elekti el la du kandidatoj W. L. van Leeuwen (Nederlando: proponinto komitatano J. J. Labordus) kaj d-ro Imre Ferenczy (Hungario: proponinto Hungara Sekcio de IFEF) novan vic-prezidanton de IFEF. Vivpriskribon kaj fortojn vidu aliloke.

Peti la konsenton de O. Walder kaj reelekti lin kiel kasiston por la venonta laborperiodo.»

*Komento:* El la nunaj estraranoj la vic-prezidanto G. Sredić kaj kasisto O. Walder ĝustatempe kaj laŭstatute deklaris sin ne plu preta daŭrigi sian funkcion. Per publikigo en bulteno kaj cirkulero oni petis novajn kandidatojn.

J. Giessner, E. Kruse kaj P. J. Krogstie plenumis laŭpove siajn funkciojn. Aliaj kandidatoj mankas. Ili estu, kun danko por ĝisnunaj servoj, reelektotaj.

Vakas la funkciulo de vic-prezidanto. Ekzistas du kandidatoj kiuj vere meritas vian atenton. Necesos elekto inter du eblecoj — W. L. van Leeuwen aŭ d-ro Imre Ferenczy.

Por la kasista funkcio mankas kandidato. IFEF tamen ne povos ekzisti sen funkciulo kiu prizorgos la kasajn aferojn. Plej facila solvo estos konvinkigi la nunan kasiston O. Walder por daŭrigi plian laborperiodon. Tio donos al la komitato eblecon por pliaj esploroj rilate tiu problemo.

La ĉefkomitatano
*Kurt Greutert*

# TAGORDOJ

*Tagordo por la I-a kunsido Estraro-Komitato (ne-publika)*

1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2) Estrar-elekto
3) Elekto de komisiono por esplori kongresproponojn
4) Jubileaj aranĝoj Århus
5) Jarraportoj — sistemo, daŭrigo
6) Diskuto statuto kaj regularoj
7) Diversaĵoj aŭ libera diskuto

*Tagordo por la II-a kunsido Estraro-Komitato (publika)*

1) Malfermo kaj konstato de mandatoj
2) Resumado de raportoj de landaj asocioj
3) Raporto pri komitata laboro
4) Kontaktkunveno kaj faka prelego UK Beograd
5) Laborplano — Jarraportoj (sistemo, daŭrigo — Jubilea jaro 1973
6) Diskuto pri statuto kaj regularoj
7) Libera diskutado

*Tagordo por la III-a kunsido Estraro-Komitato (publika)*

1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2) Antaŭdecidoj pri statuto kaj regularoj

*Tagordo por la Plenkunsido (publika)*

1) Malfermo kaj konstato de la mandatoj
2) Ricevitaj telegramoj kaj leteroj
3) Kongresraporto 1971 Maribor
4) Estraraj jarraportoj
5) Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj

5.1) Terminara Komisiono
5.2) Fakprelega Komisiono
5.3) Junulara sekcio
5.4) Komitatano A de UEA (fakprelego Londono)
5.5) Statuta Komisiono
6) Decidoj pri statuto kaj regularoj
7) Kongresproponoj
8) Budĝeto 1973
9) Estrar-elekto
10) Elekto de revizoroj
11) Elekto de kongreslokoj 1973/1974
12) Libera diskuto

*Tagordo por la kunsido de la Terminara Komisiono*

1) Stato de la traduklaboroj
2) Kiom la Regularo por la Terminara Komisiono devas difini pri nia laboro
3) Diversaĵoj

*Kunsidprogramo de la Fakprelega Komisiono*

1) Interkongresa agado dum 1971/72
2) Fakprelega regularo kaj ĝia realigo
3) Gvidlinioj de dumkongresaj fakprelegoj
4) Prelegotemoj por la 25-a kaj 26-a kongresoj
5) Ceteraj planoj pri naciaj kaj internaciaj renkontiĝoj
6) Diskuto

*Tagordo por la junulara kunsido en Lugano*

1) Malfermo de la kunsido
2) Resumo de la landaj raportoj pri la jaraktivecoj kaj libera diskuto pri tiuj raportoj
3) Generala bilanco post du jaroj da aktivecoj (farita de la IFEF-junulargvidanto)
4) Elekto aŭ reelekto de la IFEF- kaj landaj junlarrespondeculoj
5) Starigo de la sekvontjara laborplano
6) Diversaĵoj kaj fermo de la kunsido

# Prezentado de la vicprezident-Kandidatoj.

## Wim van Leeuwen



Willem Lambertus van Leeuwen (por geamikoj Wim van Leeuwen) naskiĝis 26.2.1918 en Bakkum, komunumo Castricum. Post la elementa lernejo li kun sukceso studis en la mezgrada lernejo.

En 1939 komenciĝis lia fervojista vivo en Utrecht, kie li i.a. studis en la fervoja oficista lernejo.

Li nun laboras en Amsterdam, kie li estas la estro de la trajn- kaj manovradservo de la regiono «Amsterdam Centra Stacio»; li estas ankaŭ anstataŭanta regionestro de la sama regiono.

En 1948 li komencis la studadon de Esperanto kaj aniĝis al FERN 14. 11. 1946, la fondiĝdaton de FERN.

La sekvontaj jardatoj montras la ampleksan esperantistan laboron de kolego Van Leeuwen:

de 1951 ĝis 1961 dua sekretario de FERN, de 1952 ĝis 1968 gvidanto de skriba Esperanto-kurso, 1953 kunlaboranto en LKK de la 5-a IFEF-kongreso en Utrecht, de 1954 gvidanto de la vojaĝoficejo de FERN, de 1955 kunlaboranto en la Nederlanda Terminara Komitato, de 1961 ĝis 1971 redaktoro de Fervojisto, de 1962 unua sekretario de FERN, 1966 sekretario de la 18-a IFEF-kongreso en Utrecht.

Du fojojn li gvidis buŝan elementan Esperanto-kurson. Li 12 fojojn vizitis IFEF-kongresojn. Aliajn internaciajn Esperanto-kongresojn li ne vizitis. Li estas ano nur de FERN kaj IFEF. Ofte li vizitis la jarkunvenojn de niaj fratinorganizoj (Francio, Germanio kaj Belgio). Famaj estas liaj tre detalaj priskriboj de la vojaĝoroŭto al la IFEF-kongresoj. Ofte ili estis instigo por partopreni. Multfoje ili plezurigis niajn vojaĝojn. Li ĉiam klopodas fari sian laboron kiel eble plej bone kaj estas ŝatata amiko nacia kaj internacia. Jam dum 25 jaroj ni kune laboris por FERN kaj IFEF kaj mi povas certigi, ke mi tre ŝatas lian akuratan laboron, lian grandan konon pri la fervojo nacia kaj internacia kaj ankaŭ pri la fervojista Esperanto-movado kaj lian homan kvaliton.

*J. J. Labordus,*
prez. de FERN

# D-ro Imre Ferenczy



naskiĝis en 1932. Li deĵoras ĉe la Hungaraj Ŝtatfervojoj kiel uzina kaj kontrolista kuracisto en la grava fervojnodo Györ.

D-ro Ferenczy estis de 1962 ĝis 1970 gvidanto de la IFEF-junularo. Laŭ la protokoloj de komitatkunsidoj lia laboro estis rezultohava. Krom tiu laboro li multe penadis por realigi bonan kontakton kun TEJO, ankaŭ kun sukceso. Li aperigis artikolojn, raportojn, informojn en IF/LIF kaj en diversaj eksterlandaj kaj enlandaj nacilingvaj gazetoj. Li organizis kaj partoprenis grupajn interŝanĝvojaĝojn kaj li eluzis ankaŭ aliajn eblecojn por propagandi la internacian lingvon Esperanto per siaj fakaj /kuracistaj kaj aliaj prelegoj.

D-ro Ferenczy organizis enlande memstarajn esperantogrupojn, fervojistajn klubojn, kiuj funkcias bone jam de jaroj.

*Hungara IFEF-sekcio.*

*




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO IFEF

*JARKALKULO 1971*

*Enspezoj:*

| | | |
|---|---|---|
| Kotizoj | fr. | 13 951.— |
| Afiŝoj | » | 884.60 |
| Rentumoj | » | 364.45 |
| Fonduso Kongresa Garantio | » | 240.— |
| Diversaĵoj | » | 30.65 |
| | fr. | 15 470.70 |

*Elspezoj:*

| | | |
|---|---|---|
| Presigo IF | fr. | 6 870.50 |
| Afranko IF | » | 1 285.45 |
| Afiŝoj | » | 870.— |
| Administrado | » | 368.10 |
| Estrarkunsidoj | » | 353.40 |
| Fonduso Kongresa Garantio | » | 240.— |
| Kompenso valoraltigo sv.fr. | » | 164.25 |
| Uzo privataj skribmaŝinoj | » | 100.— |
| Kotizoj UEA kaj SAT | » | 80.— |
| Junularo | » | 68.90 |
| Gazetabono | » | 30.— |
| Amortizo inventaro | » | 100.— |
| Diversaĵoj | » | 76.40 |
| | fr. | 10 607.— |
| Plienspezoj | » | 4 863.70 |

| BILANCO: | | | aktivoj | pasivoj |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | fr. | 42.27 | | |
| Bankkonto 471 | » | 2 377.20 | | |
| Deponkajeroj | » | 4 038.15 | | |
| Ŝparlibroj | » | 2 418.60 | fr. 8 876.22 | |
| Inventaro | | | » 87.40 | |
| Antaŭpagitaj kotizoj | | | | fr. 145.— |
| Fondusoj: Kongresa Gar. | fr. | 796.50 | | |
| Statutpresigo | » | 450.— | | » 1 246.50 |
| Sumo, al paĝo 11 | | | fr. 8 963,62 | fr. 1 391,50 |

| | | | aktivoj | pasivoj |
|---|---|---|---|---|
| De paĝo 10 | | | fr. 8 963,62 | fr. 1 391,50 |
| Havaĵo 1.1.1971 | fr. | 2 708.42 | | |
| Havaĵpliigo | » | 4 863.70 | | |
| Havaĵo 31.12.1971 | | | | » 7 572.12 |
| | | | fr. 8 963.62 | fr. 8 963.62 |

Romanshorn, 6.1.1972
la kasisto:
O. *Walder*

Zürich, 7.1.1972
la revizoroj:
H. Noll, E. Glättli, E. Rohner.

*MEMBROSTATO DE IFEF 1971*

| Lando | 1971 | (1970) |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 175 | 175 |
| Belgio | 25 | 25 |
| Britio | 25 | 29 |
| Bulgario | 191 | 300 |
| Ĉehoslovakio | 100 | 100 |
| Danio | 75 | 85 |
| Finnlando | 25 | 33 |
| Francio | 280 | 280 |
| Germanio | 850 | 850 |
| Hispanio | 207 | 205 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Italio | 115 | 112 |
| Jugoslavio | 60 | 100 |
| Nederlando | 104 | 110 |
| Norvegio | 53 | 54 |
| Polio | 20 | 25 |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Svedio | 167 | 166 |
| Svisio | 110 | 110 |
| Izolaj membroj | 6 | 5 |
| Adoptitaj membroj | 27 | 65 |
| | 2 836 | (3 001) |

ĉiuj kotizoj pagitaj.

IFEF havas membrojn en 23 landoj.

31.12.1971

La kasisto: O. *Walder*

Okaze de honorigo de la germana kanceliero Brandt per la Nobel-Pac-premio IFEF sendis gratultelegramon.

Ankaŭ la nova UNO-Ĝeneralsekretario Dr. Kurt Waldheim estis flanke de IFEF honorigita pere de bondeziroj.

Nia itala amiko Germano Gimelli partoprenis la 8-an Nacian Fervojistan Filatelistan Ekspozicion en Venezio kaj ricevis bronzan artan medalon por sia kolekto de esperantaj poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj, inter kiuj estis ĉiuj de IFEF-kongresoj.

Kaj la filo, Gianluigi Gimelli, ricevis okaze de la 42-a Itala Nacia Kongreso de Esperanto en Grosseto la trian premion por sia originala poemo «Okuloj».

Al ambaŭ ni direktas niajn gratulojn kaj bondezirojn.

*

Niaj japanaj kolegoj okazigis jarkunvenon 6.11.1971 en Cumago, Nagano. Ili sukcesis varbi novajn mebrojn. La IFEF-estraro dankas al la organizanto kaj kore bonvenigas la novulojn. Ni esprimas la deziron je bona kunlaboro por komuna celo, nome Esperanto kiel dua lingvo por ĉiuj homoj.

Du estraranoj, la sekretariino kaj la kasisto partoprenis la francan jarkunvenon en Lyon. S.ro Walder krome vizitis Hispanion kaj la jarkunvenon de la ĉehoslovaka landa asocio en Ĉeska Tre-

bova. S.ino Kruse ĉeestis la belgan jarkunvenon en Godinne kaj prezentis tie diapozitivojn pri sia vojaĝo tra ĈSSR. La ĉefkomitatano vizitis Århus kaj la germanan jarkunvenon en Lübeck. Li faris diapozitivprelegon pri la kongresurbo Lugano. La redaktoro same ĉeestis en Lübeck, kie estis i.a. prezentita la norvega filmo «Mi estis tie».

*

## Nekrologoj

En Germanio mortis 11.10.1971 nia longjara fidela membro

**HERMAN FISCHER,**

Kirshheim/Teck en aĝo de 83 jaroj.

Jam en 1910 li eklernis Esperanton en Berlin. Poste li transloĝiĝis en la distrikton Stuttgart, kie li dum multaj jaroj aktivis kaj kontaktis kun la grupo.

En Sofia, Bulgario mortis 21.12.1971 emerita lokomotivestro

**KIRIL IVANOV** en aĝo de 85 jaroj.

Li estis fervojisto de 1903 kaj esperantisto de 1905. Membro de UEA li estis de 1909 ĝis 1924.

Al la familianoj kaj geamikoj de niaj mortintoj IFEF sincere kondolencas.



## FERVOJNOVAĴOJ

*Ĉeĥoslovakio:*

VAGONOJ SEN BUFROJ

Preskaŭ 30 fakuloj kunvenis en Plzen el diversaj servoj de la fervojo kaj el la lokomotivfabriko SKODA al prelego pri «La aŭtomata kuplilo ĉe ĈSD».

Jam en ĉi tiu jaro ĈSD komencos rekonstrui lokomotivojn kaj vagonojn ekipante ilin kun aŭtomata kuplilo.

Por la unuaj esploroj oni uzas 2 elektrajn lokomotivojn kaj 2—3 vagonojn laŭ la linio Plzen — Ĉeske Budejovice.

En 1979 dum periodo de nur 20 tagoj, oni en la tutlanda fervojreto transiros de la nuna ŝraŭbkuplilsistemo al la nova aŭtomata.

El Západocsky zeleznicar de «vrm».

*

*Francio:*

LOUIS ARMAND MORTIS

Kiu estis Louis Armand, mortinta 30.8.1971, 66 jaraĝa?

Li estis plej alta eminentulo de la franca fervojo SNCF, kiu iniciatis kaj akcelis sennombrajn projektojn fervojajn kaj nefervojajn por sia patrolando. Li estis prezidanto de UIC (Unuiĝo Internacia de Fervojoj) de 1951 ĝis 1958 kaj de tiam ties ĝenerala sekretario.

Laŭ lia iniciato UIC kreis la Eŭropvagonpullon, poste la Internacian Esplor- kaj eksperiment-oficon (ORE), li estis unu el la patroj de la Eŭropa Societo por financigo de fervoja materialo (EŬROFIMA) kaj energie kunlaboris en la enkonduko de unueca sistemo de la varvagona numerigo.

Kaj nelaste — krom tiu tute nekompleta katalogo — li estis granda eŭropano, kiu ekkonis kaj defendis la ideon de komuna aganta eŭropa kontinento.

Granda, humanisma homo forpasis.

*Gi.*



Kilŝo: NSB,Oslo.

*Naŭ horojn Paris — Nice en elegantaj vagonoj de la trajno «Le Mistral». La bildo montras internaĵon de la vagonoj.*

*Norvegio:*



Bildkliŝo: NSB, Oslo.

NSB (Norvegaj Ŝtataj Fervojoj) finkonstruis novan stacion por survagonaj kontenerojn en Alnabru apud Oslo. La kapacito de la specialkonstruita argano de la stacio estas 32 tunoj kaj ĝi kapablas manipuli kontenerojn 10, 20 kaj 40 futajn.

Similaj stacioj antaŭe estas konstruitaj en Åndalsnes kaj Filipstad. En Sandnes apud Stavanger nova stacio pretiĝos je la fino de la jaro.

Entute NSB intencas konstrui 15 tiajn specialstaciojn por kontenertransportoj. Tiu transportformo estas tre avantaĝa kaj la trafiko rapide evuliĝas. Inter Oslo kaj Göteborg (Svedio) ĉiutagaj specialaj trajnoj por konteneroj estas projektotaj.

*



# EL LA FERVOJISTA MONDO

*Aŭstrio:*

La jarkunveno de la Aŭstria Federacio Esperantista Fervojista okazos la 8-an kaj 9-an de aprilo 1972 en la tradiciriĉa danuba urbo Krems. En la kadro de la kunveno oni organizos ekskursojn al la pitoreska urbeto Dürnstein kaj al la famkonata baroka abatejo Göttweig.

Pro pliaj detaloj kaj partopreno bonvolu turni vin al:

AFEF, A-1103 Wien, Poŝtfako 117.

*

*Danio:*



*La tri reprezentantoj de DEFA en la kunveno, Anders Clausen, Henning Hauge, Ingvard Kensing.*

En Randers okazis 13.—14.11.1971 jarkunveno en Dana Unuiĝo por Sporto,

Arto kaj Intelekto. Partoprenis reprezentantoj de briĝo, filatelio, folkloro, Esperanto, kanthoroj, foto- kaj filmo, kaj radioamatoroj. En la kunveno DEFA rikoltis laŭdon pro sia laboro. La DEFA-prezidanto Hauge informis pri la aktiveco kaj pri la bona kontakto inter la esperantistoj kaj la aliaj grupoj en Århus rilate la kongresan laboron.

*

*Norvegio:*

Norvega Esperantista Fervojista Asocio aranĝos sian jarkunvenon 1972 en Hotelo Carlton, Lillestrøm, dimanĉe 13.2. je h. 13.30.

Daŭrigo de p. 5

## Festotago en . . .

fiero pri la profesio, pri siaj maŝinoj kaj laboro, montriĝas en la jena detalo.

La 9-an de majo 1970 inaŭguriĝis en Erstfeld, antaŭ lokomotiv-remizo kaj administrejo tute unika monumento, lokomotivo de la lasta vaporlokomotiva serio de la SBB — C 5/6, numero 2965 (vidu la frontpaĝan ilustraĵon). Tie, la lokomotivo kiu inter 1916 kaj 1964 preskaŭ unu milionon da kilometroj traveturis, unue ĉe la Gothardo, poste en tuta Svisio kaj eĉ en Francio (la aŭtoro deĵoris sur ĝi en Bazelo kiel hejtisto, poste inter Bellinzona kaj Luino kiel lokomotivisto) ricevis sian lastan ripozlokon. Ĝi staras tie kiel memoraĵo kaj monumento pri pasinta vaporlokomotiva epoko.

Unika verŝajne estas la ideo kaj efektivigo de tiu monumento. Je iniciativo de kelkaj lokomotivistoj, la fervoja administracio senpage disponigis la lokomotivon. La lokomotivista sindikata sekcio organizis la renovigon kaj lokomotivistoj mem helpe de kelkaj riparejaj laboristoj tute libervole kaj senpage dum iom pli ol 2 jaroj kaj en pli ol 5500 laborhoroj efektivigis la laboron. Ilia fervoro infektis diversajn instancojn: la ĝenerala direkcio, diversaj deĵorejoj, la komunuma konsilantaro kaj la Svisa Lokomotiv- kaj Maŝinfabriko, kiuj pere de subvencioj aŭ transpreno de laboroj kontribuis al la konsiderindaj elspezoj.

Tiamaniere la fervojista vilaĝo ĉe la piedo de Gothardo pliriĉiĝis je nova atrakcio. La amikoj de vaporlokomotivoj okaze de Gothardaj vojaĝoj fiere rigardos dum preterveturo al sia protektato, dume aliaj preterveturantoj pere de tiu monumento estas rememorigitaj, ke antaŭ nur 50 jaroj la vojaĝo al la sudo okazis ankoraŭ per multe da fumo, cindro kaj tempoperdo.

kg

## Recenzoj

ADORU KANTANTE, 287 paĝoj, fortike bindita en ruĝa plastiko, altkvalita kantlibro kun 262 kristanaj himnoj, kun kvarvoĉaj muziknotoj. Prezo 15.80 DM plus afranko (ordinara poŝto 0.65 DM, registrita poŝto 1.65 DM) havigebla de pastoro Adolf Burchardt, D-7261 Gechingen, Germanio.

Tiuj kiuj kutimas partopreni en la kongresaj evangeliaj diservoj, sendube rimarkis ke la kantataj himnoj je tiuj okazoj, tre ofte similas unu la alian en la diversaj landoj.

Oni povas kompreni ke ili havas komunan fonton, verkitaj iam en malproksima pasinteco.

Dum la jaroj tuj post la reformacio, aro da evangeliaj himnoj verkiĝis en Germanio kaj en aliaj landoj kiuj transiris al la evangelia konfesio. Tre ofte tiuj himnoj portiĝis al fremdaj landoj, kie ili tradukiĝis al aliaj naciaj lingvoj.

Bona ekzemplo estas la himno de d.ro Martin Luther, kies komenco en la ger-

mana lingvo estas: Ein feste Burg ist unser Gott.

Tiun himnon oni trovas tradukitan al aro da lingvoj, kaj ĝi estas konata laŭ melodio kiu sendube havas sian originon paralele kun la teksto, do de ĉa j. 1530. Sed dum la jarcentoj tiu melodio evoluiĝis malsimile en diversaj landoj, koncerne ritmo kaj formo.

Kiam la internacia lingvo Esperanto aperis, fervoruloj tuj komencis uzi la lingvon en la servo de religio, kaj en aro da landoj oni tradukis de naciaj lingvoj al Esperanto ankaŭ himnotekstojn.

Sed la tradukistoj en la opaj landoj ofte laboris sen kontakto inter si, kaj mankis al tiuj vere internacia pensmaniero. Ili ofte reverkis la tekstojn plenajn je naciaj esprimoj, kaj dum kongresdiservoj mi kelkfoje spertis, ke mi legas himnotekston en Esperanto, tradukitan de la nacia lingvo en la koncerna lando, dum mi ankaŭ scias ke la sama himno estas esperantigita de mia propra nacia lingvo.

Al kritikema neesperantisto tio grandigas lian jam ekzistantan skeptikecon, kaj prave, ĉar tio estas atesto pri malbona organizado inter esperantistoj kiuj laboras sur tiu tereno.

Sed nun fine ĉi tiu situacio finiĝis, dank'al persista laboro de himnara komitato de KELI (Kristana Esperantista Ligo Internacia).

Tiu komitato, konsistanta de spertuloj de multaj landoj, trastudis la materialon, ili forplukis la herbaĉon, kaj redonis la trezorojn purigitajn.

Cetere ili aldonis muziknotojn, — tiel la orgenistoj povas sekvi tiujn dum niaj kongresdiservoj.

La enhavo estas havigitaj de preskaŭ ĉiu eŭropa lando, kaj de multaj diversaj konfesioj kaj eklezioj.

Estas en la libro antikvaj katolikaj himnoj, — himnoj de la epoko de reformacio, kaj libereklezìaj kanzonoj.

Tial neniu sentu sin diskriminata, oni volas rekomendi ke nur tiu libro estu uzata kiel kantlibro dum diservoj en Esperantujo, kaj mi gratulas al KELI pro la bona rezulto. Ĉiu samideano devus posedi tiun libron, almenaŭ por legi ĝin kiel poezio.

*Per Johan Krogstie.*

E. V. Tvarozek: NI LUDAS TEATRAĴOJN. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhøj.

Kun miksitaj sentoj mi eklegis la etan libron (32 paĝa). Ĝenerale mi ĝojas pri ĉiu nova libro en nia lingvo kaj mi ĝojas pri ĉiu ilo kiu povas fari niajn klubvesperojn pli ĉarmaj kaj gaje instruaj. Sed — la eldonisto diras en siaj antaŭvortoj ke el la kvar unuaktaĵoj tri estas gajaj — tio faris min tima. Multajn homojn diversnaciajn mi konas. Mi eltrovis ke ni multe similas unu la alian malgraŭ la fakto ke ni loĝas en disaj regionoj de la mondo. Nur en unu punkto estas manko de simileco kaj kompreno, nome kiam temas pri bonhumoro. Tio, kio igas la alian ridi, ofte absolute ne amuzas min. Tial mia timo.

La unua komedio KOLUMA MAŜO akiris en 1970 laŭdan mencion ĉe la belartaj konkursoj. — Laŭdinda ĝi do estas kvankam mi trovis ĝin iom tro longa eble pro tio ke la stulteco de «Ŝi» — la juna edzino — forte ĉagrenis min.

La dua teatraĵo NOKTA VIZITO estas serioza, tre interesa kaj akiris premion ĉe Belartaj Konkursoj 1969.

La tria teatraĵo de la du personoj estas amuza, tiom amuza ke mi konstante emis laŭte ridi. Tiu ĉi komedio certe estos populara inter la amatoraktoroj de niaj kluboj, ĝi havas du allogajn rolojn.

La kvara teatraĵo ĈE STRATANGULO estas ankaŭ amuza komedio por du personoj.

La libro estas bone skribita, la stilo bona kaj la interparoloj fluaj kaj buŝaj.

*Ekino.*

Bukar: LA RETO. Teatraĵo en 3 partoj. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhøj.

Ĉu ne, ni ĉiuj vivas en reto — kaptitaj por la tuta vivo. Ne ĉiuj estas kaptitaj pro egoismo de aliaj homoj, sed pro nia amo al nia familio, pro indulgemo kaj pro koncerno de moro kaj kutimoj. Okazas ke ni baraktas en la reto, sed ofte la retaj maŝoj estas oraj — kaj oro estas forta.

La ĉefpersono de ĉi tiu dramo estas juna virino kiu pro akcidento perdis unu brakon. Ŝi estas sola infano de sia vidvina patrino kaj ŝia bona helpantino en butiko. La patrino igas la filinon tute dependa de si kaj ĉiel malhelpas ŝian maturiĝon kaj liberiĝon ĝis la junulino sentas sin mallibera kiel fiŝo kaptita en reto. Fine aperas viro proponanta al ŝi la eblecon forlasi la patrinon kaj la tedan vivon en la vilaĝeto, li volas tiri ŝin el la reto. Ĉu li sukcesos? Mi tion ne malkaŝas.

La dramo estas scivoliga kaj ĝia problemo tre intersa, elegante verkita.

Kiom mi ŝatus vidi unu el la prezentaĵoj!

*Ekino.*

## Anoncoj

*Historio de la Fervojista Esperanto Movado 1908—1968.*

Riĉe ilustrita, redaktita de K. G. J. de Jong, Amsterdam. 40 paĝoj. sv.fr. 1.50 (3 int.resp.kup.)

*

*Varb-afiŝo*

eldonita de IFEF, fervoja motivo, grandformato norma, sufiĉe da libera spaco por surskribi informojn pri kursoj, prelegoj ktp. 5 ekz. sv.fr. 1.00 (2 int. resp. kup.)

La menciitajn librojn kaj afiŝon, oni mendu ĉe la IFEF-kasisto: Otto Walder, Esperantoweg, CH-8590 Romanshorn, Svisio.

*

Esperantista renkontiĝo dum la foiro en Leipzig (GDR), okazos 11.3.1972 en Klubo de la Inteligentularo «Gottfried-Wilhelm-Leibnitz», 701 Leipzig, Elsterstr. 35 je h. 19.30.

Vizitu la esperantistojn en Leipzig! Adr.: Germana Kulturligo Esperanto-amikoj, 701 Leipzig, Käthe-Kollwitz Str. 115 GDR.

*

Ferio-semajno dum la tagoj 22.—25.4. 1972 okazos en Wijk aan Zee. Tranoktado kaj manĝoj en la bona kaj bela hotelo Kennemerduin. Totala prezo: 165 n.guldenoj. RDetalojn kontraŭ alsendo de int.resp.kupono alsendos Thies M. Blaauw, Grenslaan 13, Zwolle, Nederlando.

*

*Hungara Esperanto Asocio invitas vin al Hungario.*

En julio 1972 estos organizataj *Esperanto-Semajnoj* en tri diversaj partoj de Hungario, nome en Budapest en Gyula kaj en la vilaĝo Abaliget, 200 km. sudokcidente de Budapest. Detalan informon petu de: HEA 3-a Teritoria Komitato, Poŝtfako 2 Pecs 1, Hungario.

---

La redaktfino por la venonta IF estas 5.3.1972.

Presita de presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio

*